# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)




MUSSOLINI.—Portu al mi tuj la deserton!
CHAMBERLAIN.—Mi avertas vin ke ĝi estas treege malfacile digestebla...

## SOMERO

La brulanta suno de tria somero brunigas la haŭton de la batalantoj, kiuj kun obstina pasio rifuzas la furiozan premon de la fremdaj invadintoj. Tamen...

Dum normala tempo — kiam ne blekis milito—la somero estis demokrata k ĝoja sezono ĉar la malriĉuloj ne bezonis multekostajn vestojn nek la distro postulis malfacilajn kondiĉojn. La gejunuloj, laŭ viglaj grupoj, foriris ekskurse al pitoreskaj-lokoj tra montoj k valoj, kie ili kantis, muzikis aŭ dancis sub la freŝa ombro de densa foliaro apud la murmuro de fluetanta akvo el sovaĝa fonto. La naturo, dum somero, al neniu postulis privilegiojn por malavare donaci siajn ĉarmojn. Sen granda peno, oni povis vojaĝi per la demokrata veturilo de la piedoj...

Tiam, la junularo estis je la servo de la vivo. La amo petolis k la rido tintis dum la birdoj pepis k nestis. La suno malicete subiris k la luno diskrete regis por ke la nokto, per sia mantelo brodita per diamantoj, ebligu al la koroj paroli sen artifiko.

Tamen, hodiaŭ, dum la tria somero en batalo, la junuloj ne sin amuzas pogrupe kun belaj knabinoj. Ili ekskursas eble ankaŭ al samaj pitoreskaj lokoj, kun la grava diferenco ke tie mem, kie iam ekfloris la vivo, nun regaĉas la morto. Kaj la samaj lipoj, kiuj fajfis melodiojn, nun soifege sopiras pri kuranta freŝa akvo...

Tial, la internacia junularo, kiu trankvile ĝuas la ĉarmojn de la somero, ne devas neglekti la oferojn de la hispanaj junuloj, se oni volas eviti al si la abomenojn de la somero mem, tiu varma sezono, kiu se estas edeno dum paco ankaŭ estas infero surtera dum hurlas kruela milito...

# ANKORAŬ DEVIGE BATALANTE...

Unu fojon pli, Hispanio dementis la fanfaronajn aŭgurojn de siaj malamikoj. Post la tranĉo de la rektaj komunikoj, inter Barcelono k Valencio, la faŝistoj entreprenis la plej furiozan ofensivon kun la celo jam definitive likvidi la lastajn rezistojn de la Respubliko.

Sama konvinko, kun malsama reago, regis eksterlande dum kelkaj tagoj ĉe multaj personoj. Amikoj ĉagrenis k malamikoj ĝojaĉis, kvazaŭ la fatala fino de nia epopea milito estus la pereo de la justo sub la premo de la maljusto. Sed tro vulgara jam fiaskis diversfoje tiu simpla pesimismo ĉe unuj k blufa optimismo ĉe aliaj. Ŝajnas ankoraŭ nekredeble la erara opinio, kiun oni havas en multaj internaciaj medioj pri la genezo, daŭro k sekvoj de la hispanaj okazintaĵoj. En Julio, antaŭ du jaroj, la popolo alsaltis kazernojn k defiis la morton ne por ludi bagatelan ludon sur duono de la lando.

Devigataj elekti subite direkton, laŭ tragika dilemo, la hispanoj suriris la vojon plej dignan, kiu estis samtempe la plej malfacila. Kaj, tra la zigzagoj de dudekkvar monatoj, hele ĉiam efektiviĝis la stoika promeso ne cedi sen rezisto nek fali sen digno. Tamen, evitante ĉian demagogion, la diversaj politikaj regantoj, kiuj gvidis, ekde ĝia komenco, la popolan defendon neniel malkaŝis deklari, ke la legitima Registaro de Hispanio ne batalas por apliki la privatan doktrinon de iu ajn partio sed por gardi la demokration k por forigi la fremdan intervenon de la faŝistaj ŝtatoj.

La nuna Registaro, en tiu aspekto, estis multe pli klara ol ĉiuj antaŭaj. Kaj precize devas esti la ministraro, kiun prezidas doktoro Negrín, la plej aŭtoritata por tio ĉar ĝi plene konsistas—sen ia escepto!—el ĉiuj organizoj sindikataj k politikaj de la libera Hispanio. Por la honestaj homoj, kiuj zorgas respondece pri la pezaj klopodoj de la tuta popolo, la terura milito furiozanta tra la lando ne povas esti frivola spektaklo aŭ senvarma analiza eksperimento. La milito estas abomeno, kies veneno detruaĉas jam delonge la materiajn membrojn k la moralajn histojn de la civitanoj antaŭ la skeptikaj rigardoj de la internaciaj tribunaloj. Oportuna do estis la voĉo de la Registaro, ĵus deklarinte, per simpla sintezo, ke tuj post malapero de la fremda interveno, la milito ne daŭros unu sekundon pli nek fluos jam unu guto de sango.

La etika supereco de la popolaj regantoj hele brilas ankaŭ en la sincera invito, kiun oni faris k faras al ĉiuj hispanoj kun honesta intenco, el unu k alia flanko, partopreni en la grandioza tasko serĉi pacon sen revenĝo k rekonstruadi la komunan landon, riparante la detruitajn urbojn k cikatrigante, laŭ pleja eblo la terurajn vundojn, kiujn desegnas la kugloj k la mitralo sur konvulsiantaj homaj korpoj. Devige batalante, la hispana popolo ne kulpas se por sin defendi, ĝi ankoraŭ devas apliki la mortigan efikon de la malmultaj armiloj, kiujn ĝi posedas, en kontrasto kun la kompletaj arsenaloj, kiujn liveras Italio k Germanio por rabi la riĉaĵojn de Hispanio k la liberecon de la hispanoj. Noblaj k justaj estas la celoj de nia batalo. Ili estas stimulo en sankta emocio k peza klopodo rezisti k rezisti heroege, anstataŭ ol fali servutece. Kaj tiu oficiala mondo, kiu filistre pretendas ekspluati akutajn dolorojn por apogi trivialajn egoismojn, ne rajtas plu reprezenti la altajn regulojn de la Juro internacia kies principoj, kiel fundamento de natura k legitima ordo, ĝuas respekton nur en la propra konscienco de ĉiuj hispanoj, kiuj, precize pro tio, ankoraŭ—ankoraŭ nun!—devige batalas...

# LA KISO

Kvar soldatoj deĵoras ĉe la ekstremo de parapeto. Du el ili observas malamikajn tranĉeojn, dum la du aliaj ripozas iel kuŝante sur tolaĵo, kun tornistro kiel kapkuseno. Ili ne dormas, k tamen ili sonĝas tra la majesta silento de la alta nokto, lumetanta pro astroj k steloj. Mirinda ja estas la ĉarma iluminado el arĝento, kiun disradias la ĉielaj lanternoj. En iliaj simplaj animoj de sanaj kamparanoj ekbriletas ankaŭ la tremantaj steletoj de intimaj emocioj k de intimaj rememoroj...

Ili parolas per voĉo tiel mallaŭta, ke ĝi resonas, interne de ili mem, kvazaŭ eĥo de iliaj propraj pensoj.

—Diru, kamarado, super kio pendas tiu stelo?

—Ho, kiu scias!... Eble ĝi pendas super via vilaĝo mem...

—Estus bone se tie ankaŭ rigardadas ĝin mia patrino.

—Povas esti. Mi legis iam, ne scias kie, ke ĉiuj patrinoj, kiuj havas for iun filon, rigardas la stelojn pensante je li. Eĉ multe pli atente kiam la filo estas en milito.

—Sed ekzistas ja tiom multe da steloj...

—Kaj ankaŭ multe da patrinoj!...

—Ho, kiam mi povos ĉirkaŭbraki la mian!... Ŝi estas jam tiel maljuna, ke ŝi ne povis forkuri kiel mi. Bedaŭrinde ŝi devis resti ĉe la faŝistoj...

Silentas la voĉoj ĉar la sentimentoj volas ŝpini siajn purajn monologojn; sed la okuloj daŭre rigardas al la blanka iluminado de la ĉielo, kiu ŝajnas veluro kun briliantoj.

Finfine, la dormo kaptas unu el la du soldatoj. La alia—tiu, kiu havas la patrinon «tie»—rigardas k rigardas la stelon, kiu sorĉas, logas k tentas per mistera ĉarmo. Kaj tiam, la steleto dekroĉiĝis el sia loko, per gracia kapriolo, k desegnantè triumfan arkon, el helaj reflektoj, ĝi haltis precize super la bona soldato, kiu eksentis ĉe frunto la dolĉan kareson de kiso tre ĉasta, tiel varma, tiel milda k tiel delikata, ke li place ekridetis, kvazaŭ li estus ricevinta rekte la kareson de la dorlotemaj lipoj de la patrino malproksima...

# LIRIKAJ FRAGMENTOJ

«En la suda fronto, niaj soldatoj, atakinte samtempe tra maro k tero, kaptis la garnizonon de la fortikaĵo «Carchuna» (Motril) k liberigis tri cent asturianojn, kiuj estis devigataj de la faŝistoj labori en fortikigaj laboroj».

(El la oficiala milita komuniko de la 24. Majo 1938.)

Asturio oscedas inter voluptaj sopiroj de ĝoja verdeco. Ĉie susuras la milda murmuro de kaŝtanarbaj k pomarbaj folioj. Asturio estas granita voĉo demandante liberecon. Ĝia tero, trapasita, laŭ ĉiuj direktoj, de kristalaj riveretoj, apud faskoj da filikoj k molaj kusenoj el musko, estas nun surverŝita de sango kontraŭfaŝista. Ruĝo akuzas sur la velura verdeco de herbejoj, kie la nigra aviacio malfermis kraterojn de abomeno.

* * *

Asturio! viaj kuraĝaj ministoj, fieraj k arogaj, estas nun humiligataj, devigataj dispremi ŝtonojn por konstrui vojojn piedbatotajn de la malpuraj babuŝoj de la maŭroj k de la invadintaj botoj de germanoj k italoj.

Tiuj asturianoj, malliberigitaj sub la kantabraj nebuloj k ĵus liberigitaj sub la inkandeska suno de Andaluzio, estas tiuj samaj kuraĝaj atakantoj—malgraŭ la konstanta pluvo—kun dinamito en unu mano k bruligita cigaredo en la alia. Sed ili mem, dum kelka tempo, estis sklavoj fosantaj malamikajn tranĉeojn per peza pioĉo, kiu ne invitas labori al tiuj senlacaj laboristoj en la mineja nokto. Velkis la rememoroj pri la ora ŝaŭmeto de cidro en argila glaso. Velkis la dolĉeco de la lipoj de amata knabino al kiu ili dediĉas siajn kantojn dum reveno de laboro. Nun, la brava ministo estis punato, kiu piocas senĉese, sub severa rigardo de faŝista gardisto.

* * *

Kiam en Asturio scios pri la liberigo de tiuj tri cent kamaradoj forprenitaj el la ungoj de la malamiko per soldatoj de la Respubliko, lumeto de kontenteco ekbrilos kaŝe en ĉiu koro. Kaj la paroj de policistoj, kiuj kontrolas vilaĝojn k vojojn, herbejojn k kaŝtanarbarojn ne povos eviti, ke la baritona gorĝo de iu bovin-paŝtisteto laŭtigu la gajan krion de la *ihuhu* samtempe ol bruetas la najloj de liaj lignoŝuoj sur la ŝtonoj de la vojo por aklame saluti la revenon de la tri cent kamaradoj en la brigadojn de la Respubliko...

Salvador DASI
staba leŭtenanto

15 Junio 1938.

# EN TRINKEJO DE VALENCIO

En numero 26 ni rakontadis pri la vizito, kiun faris al Valencio ses ĉinaj studentoj. Hodiaŭ ni ĝojas aperigi la rektajn impresojn, kiujn verkis Ŝen-Ŭu, unu el la vizitintoj, en ĉinlingva gazeto *Zan-Di* (Batalkampo) de Hankow. El la ĉina originalo faris modelan esperantan tradukon nia fervora k aktiva samideano Hou-Chio vigla avangardisto en la Malaja insularo.

Ekde kiam ni, ĉina vizitvojaĝantaro tra Hispanio, alvenis al Valencio, en ĉies monujo troviĝis hispanaj moneroj. Tamen, pro la gastameco de tieaj loĝantoj, neniel ni havis ŝancon por elspezi monon mem. Laŭ propono de k-do Sjaŭ-Lin, hazarde ni kuniris trinki kafon por elspezi iom da mono ĵus interŝanĝita.

Ĉe angulo de urba centro troviĝas trinkejo kun tre luksa aspekto. Interne, kelke da homoj rondsidis ĉe ĉiuj tabloj, por trinki ruĝan vinon, emocie interparolante eble pri politikaj problemoj. En apuda tablo, soldato, kun ankoraŭ polvokovrita kostumo, sidis kontraŭ sia fianĉino; verve k fiere li parolis dum la hispana junulino, kun orienta belegeco, malfermante siajn okulojn, nigrajn k allogajn, aŭskultis lin tre zorge k montris de tempo al tempo diversajn animstatojn: ĉu pro timo ĉu pro ĝojo: Verŝajne, tio signifis, ke ŝi aŭdis sian amaton paroli pri batalaj epizodoj kontraŭ perfidaj banditoj.

Aliaj klientoj, fumante dikajn cigaredojn, aŭskultis la pasiecan muzikon el hispana ritmo. Per ĉio tio estiĝis malkvieteco en la trinkeja halo. Ni—sep personoj—ankaŭ preferis alian angulon k rondsidis ĉe tablego. Post momento, la kelnero portis al ĉiu el ni glason da oranĝfluidaĵo. Ridete k franclingve, kun hispana tono li diris: «Ĉinaj sinjoroj-kamaradoj, vian konton jam pagis tiu kamarado». Laŭ la montrodirekto de la kelnero, ni rigardis, ke nekonata maljunulo sidadis tie, ridetante li esprimis al ni amikecon. Tio ja tikle maltrankviligis nin ĉar ni ne trovis motivon al la invito. Ŝerce ni diris, unu al la alia: «Vere estas ke elspezi eĉ nur kelkajn monerojn estas neeble en Hispanio!»

Trinkante la oranĝ-fluidaĵon, ni fervore traktadis kun granda plezuro pri la ĵus akceptita gastigado de la nekonata amiko. Ambaŭ popoloj, hispana k ĉina, kun malsama sango, kun malproksimeco je dek miloj da mejloj, suferegas la samajn atakojn de la Faŝismo k, pro tio, ekfloras inter ili simpatio! Dum ni interbabilis, la kelnero prezentis al ni botelon da fame konata vino hispana; li sciigis, ke tio estis speciala invito de iu ŝtata oficisto por esprimi sian bonvenigan saluton al ni, reprezentantoj de la ĉina popolamaso. Ni ĉiuj ankoraŭ pli ekmiris pro tioma afableco k ĝentilo. Ni ekstaris k elle-vis toste la glasojn honore al la hispana donacinto hurkriante: «Vivu la Hispana Respubliko! For la Faŝismon!» Tio vekis simpation inter la ĉeestantaro, kiu kvazaŭ rekompence aklamis tra la ĉambrego: «Vivu la Ĉina Respubliko! For la japanan imperialismon!»

Neniu el ni estis kapabla drinki, sed la vino estis tiel bela k bongusta ke ĉiuj honoris ĝin. Post mallonga tempo nia vino elĉerpiĝis k ni ĉiuj preskaŭ duonebriĝis. La soldato ekkuris al Sjaŭ-Lin k ĉirkaŭpremis lin, dirante: «Hodiaŭ mi ĝojas saluti vin, ĉinaj fratoj!» Ni malplenigis ankoraŭ kelkajn tasojn kun la armeano k poste ekforiris de la trinkejo dum entuziasmaj vivuoj al la Ĉina k Hispana Respublikoj regis vigle tra la halo...

# VERDSTELANOJ ANKAŬ LABORAS EN LA FRONTO!

Kiam la faŝista ribelo eksplodis, minacante detrui la amatan liberecon, kiun, post la angoraj tagoj de la malsukcesinta Asturia oktobra revolucio, ni atingis per triumfega balotado, la Grupo Laborista Esperantista ricevis grandan skuon. Granda plimulto el ĝiaj membroj, konsciante pri tia grava danĝero, kiun povus rezultigi la leviĝo de la militistaro, aliĝis al tiu sindona k kuraĝa aro da volontuloj, kiu nomiĝis la «Antifaŝistaj Milicoj». Tiu unua volontularo ne posedis eĉ la plej simplajn rimedojn, kiuj estas necesaj en ĉiu armeo: bonaj armiloj, komandoj k militaj disciplino k instruo. Ili nur havis kuraĝon, natura ĉe la konscio de homoj liberamaj k progresemaj, kiuj ne povis permesi la starigon de fia despota reĝimo. Kaj tiuj homoj, nur havantaj la volon batati kontraŭ la tiranio, sed tute mankaj je tiuj necesaj kondiĉoj por triumfi en malegala lukto, kun pli bone ekipita armeo, estis iom post iom faligitaj morte aŭ vunde. Inter ili falis ankaŭ multaj esperantistoj, kelkaj el nia Grupo. Dum tiuj teruraj unuaj tagoj, la batalantaj esperantistoj ne havis tempon eĉ por manĝi k dormi, des malpli por dediĉi horojn al Esperanto.

La heroaj milicoj transformiĝis en «Popola Armeo». Ĝi jam havis disciplinon k komandojn, iom pli da taŭga armilaro, ne tiom nek tiuspecan kiel ni bezonis ĉar tion malebligis al ni la maljusta Ne-Interveno, sed nia armeo povis, ĉiam kun bedaŭrindegaj sangperdoj, iom kontraŭstari al tiu multe pli bone ekipita armeo de la faŝistoj. Malgraŭ ĉio ni ekhavis pli malpli taŭgan armeon. Niaj soldatoj jam povis permesi al si la lukson de tempo al tempo ripozi, legi k studi. La esperantistaj kamaradoj komencis sin dediĉi al Esperanto k ni ekricevadis leterojn en Esperanto k pri Esperanto. Unue venis leteroj de niaj samgrupanoj, kiuj estis varbintaj adeptojn al nia movado; ili petis lernolibrojn k diversajn legaĵojn. Dum la unuaj monatoj, tiuj leteroj atingis nin malmultope, sed iom post iom la interesiĝo pri esperantaj aferoj kreskadis: nia Grupo estas pri tio, oni permesu al ni la vorton, la termometro de la esperantista varmo en nia lando dum la militaj tagoj. Tri monatojn poste, ni ekeldonis nian gazeton, k tiu fakto (ni fieras ankaŭ pro tio) ankoraŭ pliigis la priesperantan interesiĝon de multaj kamaradoj. Intertempe k spite al tiuj malfacilaj momentoj, nia Grupo ankoraŭ kapablis malfermi kurson por komencantoj, kiu plene sukcesis havigante al ni aron da novaj k fervoraj esperantistoj, kiuj tre kontentige fariĝis taŭgaj kunlaborantoj en nia gazeta entrepreno. Krom iliaj naturaj kondiĉoj k emo por lerni la lingvon, kontribuis ankaŭ al ilia esperantistiĝo la bonega laboro de la instruisto, kamarado el Zaragozo nun batalanta en la norda fronto, k la ofta vizitado de multaj eksterlandaj esperantistoj, plejparte batalantoj en la Internaciaj Brigadoj. El ili ni mencias la germanon Hans Martens, la turkon Isaac Fresco, la usonanon Joz. Lencer, la ĉeĥojn Vilhelmo Richter k Karl Krause, la aŭstrojn Eduard Pfeifer k Franz Haiderer, la nederlandanon Disko, k aliaj. Ĉi tiuj kamaradoj kuraĝigis la lernantojn k konvinkigis ilin pri la utilo de la internacia lingvo. La sidejo de nia grupo estis agrabla rendevuejo por ĉiuj eksterlandaj samlingvanoj, kiuj tie trovis ripozon k fratan medion dum sia restado en la urbo.

La fajro de la milito daŭris k novaj kontingentoj da kamaradoj forlasis la hejmon por enviciĝi en la armeo; pliaj leteroj venis kun petoj pri lernolibroj k aliaj esperantaĵoj; novaj kamaradoj fariĝis verdsteluloj. Ĉio montris ĝis kia grado la esperantistaj kamaradoj en la fronto batalas ankaŭ por la triumfo de la mondlingvo. Kaj dank' al ilia fervoro k laboremo, k al granda puŝo, kiun faris la Registaro por pliigi la kulturon, eĉ sur la militaj frontoj, nia afero malfermis al si esperigan perspektivon por proksima estonto. Al tiuj novebakitaj esperantistoj ni havas grandan fidon, ke ili kunlaboros kun ni, k ili, kiel junuloj, kuraĝigos nin—jam plenkreskulojn—por sufiĉe baldaŭ triumfigi Esperanton en nia lando.

Antono MARTINEZ
sekretario de Grupo Laborista Esperantista.

---

En Ĉeĥoslovakio kreskas la solidareco por la Hispana Respubliko, ĉar la blekoj de la sama besto aŭdiĝas tie jam tro proksimaj. En Plzen funkcias tre perfekte la loka komitato por helpo al nia batalo. Per apuda bildo, oni povas vidi du aktivajn k viglajn popolfrontanojn, kiuj kolportas surstrate informan gazeton en ĉeĥa lingvo pri nia lukto kontraŭ la Faŝismo. Unu el la vendistoj portas sur kapo la tipan ĉapon de la milicanoj kun surskribo: «Helpon al Hispanio!» La propagandilojn ili abunde vendas, antaŭ la fabrikoj, ĉe eniro aŭ eliro de la laboristoj. Dum la malfacilaj horoj, tiuj ĉi sindonemaj agoj donas al ni novajn fortojn por esti dignaj de la fido, kiun sentas por nia lukto la aŭtentikaj popoloj de ĉiuj nacioj.



# EN HOSPITALO

Ŝvitkovrita de longa lukt'
en la fera front-akut'
luktis mi kun ard-fervor'
por finvenki en lasta hor'.

Volontuloj de tutmondo
alvenadis kvazaŭ ondo.
Kvazaŭ popola hispan'
luktas mi por ĉiu infan'.

Man-ĉe-mane kun hispanoj
ja tre nobla la popol',
kiu luktas por infanoj
luktas ankaŭ mi, la poi'.

Dum ofensiv-kontraŭpuŝ'
plenkuraĝe antaŭis ni;
trafis kuglo en mia buŝ,
kaj sang-plena falis mi.

Ve!, ĉu do ŝajne, vere
ekestis mi senutila
por pludaŭri tiel fere
en tiu ofensivo brila?

Tute vane mi klopodis
antaŭeni, ĉar la sang'
ja torente elfluadis
el la buŝo kaj la vang'.

En la laŭta pafo-bru'
helpokrioj forperdiĝis
elis sango plu kaj plu
kaj buŝo je ĝi pleniĝis...

Tiel kruelmaniere plej,
batalkampon mi forlasis
kaj en la malsanulej'
senkonscie mi transpasis.

Tie ĉi mi kuŝas nun,
tuj apude bela monto,
dum vespera plena lun'
min salutas de la fronto.

Mi ripozas post laciĝo
en hospital' kun prestiĝo.
Vizitadas min virinoj,
nekonataj sed fratinoj.
(Estas la «Ruĝ-Help»-aninoj)

Mi envias tiun gloron
kaj ilian la doloron.
Se suferas Hispani'
suferegu ankaŭ mi!!

Kial mi al vi per tio,
raportas pri historio
kiu okazis ĵus al mi
sur la front' de Hispani'?

Por ke ankaŭ vi leviĝu,
kie ajn vi estas nun,
strik-proteste indigniĝu
kaj vigle ekagu per pun'!

Ĉu ne hontas vi, en via lando,
pri la trompa politiko
fare de la burĝa bando
de nia kun-malamiko?

Kial vi ne faras strikojn
ne haltigas la fabrikojn
kun decida forta krio
helpe al nobla Hispanio?

La hispan-popol' doloras,
la virinoj ĝemas, ploras:
«Kie estas niaj filoj?»
Ho, jam falis multaj miloj!

Ni bezonas aviadilojn.
kanonojn, maŝinpafilojn!
por venki la fian aron,
la faŝism-Frank-banditaron.

Kaj venkos, tie ĉi, ni!
kontraŭ kruela tirani'
kaj ekregos paco jam
kaj daŭros pro nia man'
la feliĉo, ĉar neniam
ni suferos plu ekde tiam!

Verkita en Hospitalo de Ciudad Libre, dum la longaj senfaraj horoj en Marto de ĉi tiu jaro, de

Jozefo TENENBAUM
pola volontulo.

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia Esperantistaro | 43 | ptoj. |
| J. F.—Bazo 6.ª | 5 | » |
| K-doj T. kaj T. B. Bazo 3.ª | 5 | » |
| T. P.—Odense | 12'50 | » |
| J. E.—Barcelona | 12'50 | » |
| D. D.—Barcelona | 25 | » |
| S. B.—Foyos | 5 | » |
| M. G. I.—Bazo 3.ª | 25 | » |
| F. Ll. P.—Bazo 3.ª | 25 | » |
| P. C. S.—Mancha Real | 25 | » |
| A. F.—Reus | 25 | » |
| F. R.—Bazo 2.ª | 5'40 | » |
| J. F.—Bazo 1.ª | 3 | » |
| M. T.—Grao Castellon | 15 | » |
| M. T.— » » | 5 | » |
| S. P.—Bazo 3.ª | 75 | » |
| J. I. N.—Bazo 1.ª | 5 | » |
| J. O. B.—Bazo 3.ª | 25 | » |
| S. J.—Barcelona | 25 | » |
| J. M. B.—Bazo 6.ª | 15 | » |
| Schalmey.—Alicante | 10 | » |
| F. C.—Cartagena | 15 | » |
| M. L.—Alcantarilla | 10 | » |
| A. M.—Callosa de Segura | 5 | » |
| E. M.—Castuera | 10 | » |
| E. G. B.—Fuencarral | 5 | » |
| F. G.—Sueca | 5 | » |
| A. Ll.—Brihuega | 25 | » |
| F. R. D.—Bazo 3.ª | 50 | » |
| G. F. M.—Bazo 1.ª | 15 | » |
| F. F. R.—Bazo 6.ª | 25 | » |
| S. M.—Bazo 1.ª | 10 | » |
| F. R.—Bazo 2.ª | 6'45 | » |
| J. B.—Callosa de Segura | 5 | » |
| A. S.— » » | 5 | » |
| J. L.— » » | 5 | » |
| R. K.—Barcelona | 100 | » |
| E. G.—Bazo 1.ª | 100 | » |
| M. R.—Reus | 42 | » |
| E. G.—Madrid | 20 | » |
| A. M.—Cheste | 15 | » |
| P. C.—Bazo 4.ª | 5 | » |
| Monkolekto Hago | 36'85 | gd. |
| J. B.—Apeldvom | 0'50 | » |
| A. K.—Yzendijke Z. | 1'25 | » |
| FLE. Sekcio, Vierpolders | 0'60 | » |
| FLE. » Heerlen | 1'20 | » |
| B. H. L.—Rotterdam | 2 | » |
| F. v. d. M.—Utrecht | 2 | » |
| D. E.—Zaandam | 0'80 | » |
| D. M.—Amsterdam C | 0'40 | » |
| M. R.—Rotterdam | 1 | » |
| FLE.—Sekcio, Heerlen | 2'50 | » |
| J. P.—Breezand | 10 | » |
| Tr. F. Hermanice č. S. R. | 1'25 | » |
| G. J. W.—Den Haag | 2'50 | » |
| D. V.—Portugalio | 3 | » |
| Barendrecht.—Rotterdam | 1 | » |
| J. N. B.—Stompetoren | 0'80 | » |
| J. v. d. R.—Alblasserdam | 1'50 | » |
| Monkolekto Kongreso. | | |
| FLE.—Leeuwarden | 10'55 | » |
| L. C. Qiunt.—Rotterdam | 1 | » |
| P. C. 3.ª—Molenbeek | 5 | f. b. |
| W. A.—La Hulpe | 50 | » |
| K-do Debatty, Flémalle-G. | 20 | » |
| L. H.—Ostende | 25 | » |

## DANAJ AMIKOJ, ATENTU!

Nova nia peranto por Danio estas

**D. L. E. A. DANA LABORISTA ESPERANTO ASOCIO**

**KASSEREREN, AABIHOJ** Poŝtkonto: 19906

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

ĜENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC
55, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

BELGIO
K-DO M. DELFORGE
33, Rue de Heigne
Postĝiro 199106
CHARLEROI

ANGLIO
K-DO O. MELTON
23 Fowler Str. Nechells
BIRMINGHAM 7

SVEDIO
ARBETAR ESPERANTISTEN
Barnhusgatan 8 ö. g. n. b.
Postĝiro n.° 53411
STOCKHOLM

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

HISPANIO.—K-do Juan Fernandez, intendencia 126 Brigada, 28 División, Base 6.ª C. C. n.º 13, dez. kor. p. ĉ. t. kun amerikaj kamarad(in)oj.

HISPANIO.—K-do Alfonso Torreadrado Perez, 103 Brigada, Comisario 3.º Batallón, Base 3.ª C. C. n.º 8, dez. kor. ĉefe kun k-dinoj k interŝanĝi portretoj, PK, jurnalojn, revuojn, ktp. Tuj respondos.

HISPANIO.—K-do M. Torres Busquets, 103 Brigada, 3.º Batallón. Base 3.ª C. C. n.º 8, dez. kor. k interŝ. PK, portretojn, ilustritajn revuojn. ktp. Certa respondo.

HISPANIO.—K-do A. Fulgenzi, P. Altozano n.º 30 E. Barcelono, sciigas al ĉiuj siaj gekorespondantoj sian novan adreson k plie petas de ili sendon de nova adreso, ĉar pro militaj okazintaĵoj, perdis sian adresaron.

HISPANIO.—K-do Felix Ruiz, 113 Brigada Mixta, 449 Batallon, Transmisiones, Base 2.ª C. C. n.º 7, deziras kerospondi kun eksterlandaj k-dinoj.

HISPANIO.—Filatelistoj, atentu! Interŝanĝas PM kun ĉiuj landoj, precipe Sovetio, laŭ Yvert-katalogo aŭ popece, K do Emilio Prades, str. Derechos, 39, Valencia. Nepra respondo!

## INFORMEJO

### ONI INFORMAS, KE

K-do Jose Gil Soriano, sciigas al siaj amikoj k korespondantoj, ke lia nuna fronta adreso estas la jena: 8.ª Compañia Panificacion, Base 8.ª C. C.—E. C. XII, Hispanio.

### ONI SCIVOLAS PRI:

K-do Zivny Josef, S. R. I. Plaza Altozano, 10 G. Albacete.

K-do Frant Malina, S. R. I. Plaza Altozano n.º 81, Albacete.

K-do Kymlička Charles, S. R. I. Plaza Altozano n.º 134, Albacete.

K-do Branko Spasiĉ teknika studento el Zagreb (Jugoslavio), veninta Hispanion, antoŭ kelkaj semajnoj.

K-do Karel (Huib) van Rees, nederlandano, kiu pasintjare venis Hispanion kiel flegisto. Liaj lastaj sciigoj venis el Albacete, en Marto 1937. Laŭ diro de hungara k-do, li ankaŭ estis en Benicasim.

K-do Antono Fons (Bernabe Ferran), Porvenir, 6, Hospitalet de Llobregat, Barcelono.

## POPOLFRONTA LETERUJO

E. Yakshtis.—Port-Arthur.—Ni dankas vian saluton k ekspedos la gazeton al la k-doj de vi menciitaj, laŭ viaj instrukcioj.

W. E. Baff.—Los Angeles.—La enhavon de via letero ni akceptas kun danko; tre trafa via komparo de nia nuna situacio kun tiu de via lando, tiel malfacila en la jaro 1863 dum via intercivitana milito. Ni publikigos vian artikolon.

S. Vatkov.—Pozoblanco.—Ni ĝojis ricevinte vian leteron, ĉar jam de antaŭ longe ni nenion estis aŭdintaj pri vi. La gazeton ni sendas al via nova adreso.

K. Karlsson.—Ryd.—Ni dankas vian ŝercan materialon, kiun momente ni bedaŭras ne povi publikigi pro la netaŭgeco de la nunaj cirkonstancoj. Ni esperas, ke iam ni povos enmeti tiajn spritaĵojn en nia gazeto k certe tiam ni publikigos vian kunlaboraĵon. Ankaŭ dankon por viaj RK.

D. Meijer.—Amsterdam.—La leterojn de la diversaj organizoj, kiujn vi afable sendis al ni, ni transsendis al la ĉi-tieaj koncernaj partioj. Oni informis al ni, pli poste, ke ili estis legataj per la Barcelona radiostacio.

R. Kristensen.—Aalborg.—Dankon pro via letero k foto. Vian anoncon ni puplikigas.

J. Eljot.—Willoughby.—Kun danko k bedaŭro ni legis vian leteron, sciiganta nin pri la ĉesigo de la apero de via bela k leginda gazeto. Ni informiĝas, ke vi, de nun, laboras por la *Australia Esperanto-Asocio*, klopodante pri la sukcesigo de la movado en via lando.

D. Dalmau.—Barcelono.—Vian leteron kun donaco ni danke ricevis. Al la de vi menciita k-do ni sendas la gazeton.

D. Froome.—Londono.—Vian anoncon ni publikigos k esperas el ĝi kontentigan rezulton. K do Amorós ankaŭ respondis al vi. Li estas nun en la batalfronto.

R. Burda.—Plzen.—Vian ŝatatan leteron ni ricevis k dankas viajn informojn.

Houchio.—Kuala Lumpur.—Viajn leterojn k materialojn por nia gazeto ni ricevis. Ankaŭ la gazetojn kun tradukaĵoj. Ni dankas k utiligos la senditajn materialojn.

G. M. Bengtsson.—Kiruna.—Kore ni dankas ĉiujn viajn klopodojn por nia afero k la gazetojn kun tradukaĵoj, kiujn ni ricevis.

N. Babaskerof.—Lens.—Ricevinte viajn leteron k verkaĵon, ĉi lastan ni publikigos. Vian novan adreson ni notas.

V. Pisarev.—Leningrado.—Viajn interesajn revuojn ni ricevis k reciproke ni sendas al vi nian gazeton.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia